BIBLIOTEKO
DE LA LINGVO INTERNACIA
ESPERANTO.
PAĜOJ 452—475.



# KVAR TAGOJ.

# ATTALEA PRINCEPS.

DU RAKONTOJ
DE
**V. GARŜIN.**

TRADUKIS EL RUSA
**N. KAZI-GIREJ.**




NURNBERGO.
PRESEJO DE W. TÜMMEL.
1896.

# Biblioteko
## de la lingvo internacia
## Esperanto.

La progresado de la lingvo Esperanto plene dependas de la progresado de la *literaturo* Esperanta, ĉar la literaturo ne sole disvolvas la lingvon, sed la kreskado de la literaturo estas la plej grava objekto, kiun ni povas *montri al la mondo*, por akiri ĝian konfidon kaj estimon por nia afero. Tial ĉiun, al kiu la fortiĝado de la lingvo internacia estas kara, ni petas, ke li volu subteni la konstantan kreskadon de nia literaturo kaj *aboni la „Bibliotekon de la lingvo internacia Esperanto"*.

La »Biblioteko« konsistas el diversaj apartaj verkoj en la lingvo Esperanto *). Ĝi aperas en la nombro de ĉirkaŭ 500 paĝoj (en granda formato) en jaro. Kosto de ĉiu paĝo estas $2^1/_2$ centimoj (= 2 pfenigoj = 1 kopeko). La koston ĉiu abonanto pagas *post* la ricevo de ĉiuj 100 paĝoj. Kiu deziras ricevadi la »Bibliotekon«, volu nur sendi al L. Zamenhof (Grodno, Rusujo) la sekvantan leteron: »Mi deziras ricevadi la »Bibliotekon de la lingvo internacia Esperanto« **). La koston (po $2^1/_2$ centimoj por ĉiu paĝo) mi promesas pagadi post la ricevo de ĉiuj 100 paĝoj. Mia adreso: . . . . . .«

*La nomoj de ĉiuj ricevantoj de la „Biblioteko" estas presataj sur la kovrilo de la kajeroj de la „Biblioteko" post la ĉiufoja ricevo de pago de la abonanto.*

Ĉiu nova abonanto de la »Biblioteko« ricevas ĝin komencante de tiuj kajeroj, kiuj aperis en la lasta monato; se li deziras ricevi ankaŭ

*) $^4/_5$ de la „Biblioteko" konsistas el materialo por *legado* (pure en la lingvo Esperanto) kaj $^1/_5$ konsistas el materialo *leksikologia* (vortaroj Esperantaj en diversaj lingvoj k. t. p.). Abonado de la sola parto literatura sen la parto leksikologia ne estas akceptata.

**) Kiu deziras pli multe subteni la „Bibliotekon" kaj ricevadi pli ol po unu ekzemplero, volu aldoni: „ĉiun kajeron de la „Biblioteko" mi deziras ricevadi en . . . . ekzempleroj".

BIBLIOTEKO
DE LA LINGVO INTERNACIA
ESPERANTO.
PAĜOJ 452—475.



# KVAR TAGOJ.

# ATTALEA PRINCEPS.

DU RAKONTOJ
DE

**V. GARŜIN.**



TRADUKIS EL RUSA

**N. KAZI-GIREJ.**



**NURNBERGO.**
PRESEJO DE W. TÜMMEL.
1896.

# Antaŭparolo.

La proponataj tie ĉi du negrandaj rakontoj apartenas al la plumo de unu el plej simpatiaj kaj talentaj rusaj junaj verkistoj — Vsèvolod Miĥajloviĉ Garŝin, — sur kiun la societo juste metadis grandajn esperojn. Ĉiuj liaj rakontoj estas penetritaj per la plej pasia amo al la homaro, kaj kune kun tio ĉi ili portas la signojn de tiu profunda disreviĝo kaj malkontenteco de la mondo, kiu devigis lin fini sian vivon per memmortigo.

Eksterordinara sentemeco de lia naturo devigadis lin neelporteble suferi de tiaj aperoj, kiujn ordinara homo preskaŭ eĉ ne rimarkas. Sur la fundamento de tiu ĉi sentemeco disvolviĝis tia profunda anima malpaco kaj poste la malsano, dank' al kiu, en la tempo de unu el ĝiaj akraj atakoj, li sin ĵetis de la ŝtuparplaceto de 4 etaĝo en la interŝtuparan fendegon. Tio ĉi okazis la 19an de Marto de 1888 jaro, kaj la 24 de Marto de tiu sama jaro li mortis, restiginte post si vidvinon.

Li naskiĝis la 2an de Februaro de 1855 jaro (malnovastile). En la jaro 1877 li partoprenis libervole en la tiama rusa-turka milito, distingiĝis per kuraĝeco kaj estis vundita en la piedon. Liaj verkoj estas eldonitaj en formo de tri apartaj negrandaj volumoj. La plej rimarkinda el liaj rakontoj estas »La ruĝa floro«, en kiu li montris la animan staton de homo, kiu freneziĝis de la penso tute elradiki »la malbonon el la mondo«. Tiu ĉi rakonto havas parte duonaŭtobiografian signifon, kaj laŭ la opinio de la plej kompetentaj psiĥiatroj ĝi prezentas tute veran klinikan pentraĵon de la psiĥa stato de freneziĝinta homo.

**La tradukinto.**

# Kvar tagoj.

Mi memoras, kiel ni kuris en la arbaro, kiel zumis la kugloj, kiel faladis la deŝiritaj per ili branĉetoj, kiel ni nin traŝiradis tra la arbetoj de kratago. La ekpafoj estis ĉiam pli oftaj. Tra la arbarrando ekvidiĝis io ruĝa, briletanta. Sidorov, juna soldateto de la unua roto („kiel li aperis en nia ĉeno?“ ekpensis mi) subite sidetiĝis al tero, kaj silente rerigardis min per grandaj, ektimigitaj okuloj. El lia buŝo fluadis fluero de sango. Jes, mi tion ĉi bone memoras. Mi memoras ankaŭ, kiel jam preskaŭ en la arbarrando mi ekvidis . . . . . . *lin*. Li estis grandega, dika turko, sed mi kuris rekte al li, kvankam mi estas malforta kaj malgrasa. Io laŭte ekkrakis, io, kiel ekŝajnis al mi, grandega, traflugis preter; en la oreloj eksonis. . . . „Tio ĉi li en min ekpafis“, pensis mi. Kaj li, kun la ĝemo de teruro alpremiĝis per la dorso al la densa arbetaĵo de kratago. Estis ebla por li preterpasi la arbetaĵon, sed li komprenadis de timo nenion kaj rampis sur la pikajn branĉojn. Per unu ekbato mi elpuŝis de li la pafilon, per la dua enŝovis ien mian bajoneton. Io kvazaŭ ekkriegis, kvazaŭ ekĝemis. Poste mi ekkuris plu. La niaj kriis „ura“ *), faladis, pafadis. Mi memoris, ke mi ankaŭ faris kelke da pafoj, jam elirinte el la arbaro, sur la kampeto. Subite „ura“ eksonis pli laŭte, kaj ni ĉiuj tuj nin ĵetis antaŭen, t. e. ne ni, sed la niaj, ĉar mi restis. Tio ĉi ekŝajnis al mi stranga. Ankoraŭ pli stranga estis tio, ke subite ĉio malaperis; ĉiuj krioj kaj pafoj silentiĝis. Mi aŭdis nenion, kaj vidis nur ion bluan; kredeble ĝi estis la ĉielo. Poste ĝi ankaŭ malaperis.

---

*) „Ura“ rusa milita krio.

Mi neniam min trovis en tia stranga stato. Mi kuŝas, ŝajne, je la ventro malsupren kaj vidas antaŭ mi nur la malgrandan peceton de l' tero. Kelke da herberetoj, formiko, rampanta de unu el ili je l' kapo malsupren, iaj pecetoj de balaaĵo de la antaŭjara herbo — jen estas la tuta mia mondo. Kaj mi vidas ĝin nur per unu okulo, ĉar la dua estas alpremita per io malmola, — kredeble per la branĉo, sur kiun sin apogas mia kapo. Al mi estas tre maloportune, kaj mi deziras, sed tute ne povas ekmoviĝi. Tiel pasas la tempo. Mi aŭdas la krakadon de griloj, la zumon de abelo. Krom tio — estas nenio. Fine mi faras elfortiĝon, liberigas la dekstran manon el sub mi mem, kaj, min apogante per la ambaŭ manoj al la tero, mi volas min levi sur la genuojn. Io akra kaj rapida, kiel fulmo, trapikas tutan mian korpon de la genuoj al brusto kaj kapo, kaj mi denove falas. Ree mallumego, ree nenio estas.

---

Mi vekiĝis. Kial mi vidas la stelojn, kiuj tiel hele lumas en la nigra-blua bulgara ĉielo? Ĉu mi estas ne en la tento? Kial mi elrampis el ĝi? Mi faras movon kaj sentas turmentan doloron en la piedoj.

Jes, mi estas vundita en la batalo. Ĉu danĝere aŭ ne? Mi kaptas la piedojn tie, kie mi sentas la doloron. La dekstra kaj la maldekstra piedoj kovriĝis per sekiĝinta sango. Kiam mi tuŝas ilin per la manoj, la doloro fariĝas ankoraŭ pli forta. La doloro estas kiel la denta: ĉiama, tiranta la animon. En la oreloj sonas, la kapo ŝarĝiĝis. Malklare mi komprenas, ke mi estas vundita en ambaŭ piedojn. Kio do tio ĉi estas? Kial oni min ne levis? Ĉu vere la turkoj nin disbatis? Mi komencis rememori la estintan kun mi, — komence senorde, poste pli klare, kaj konkludas, ke ni tute ne estas disbatitaj, sed nur mi falis (tion ĉi mi, cetere, ne memoras; mi memoras nur, ke ĉiuj ekkuris antaŭen, kaj mi ne povis kuri, kaj ĉe mi restis nur io blua antaŭ la okuloj) — kaj falis sur la kampo supre de l' monteto. Tiun ĉi kampeton montris al ni nia malgranda batalionestro. „Fratoj, — ni estu tie!“ ekkriis li per sia laŭtsona voĉo. Kaj ni

estis tie; tio signifas, ke ni ne estas disbatitaj. Kial do oni min ne forlevis? Ja tie ĉi sur la kampeto estas nekovrita loko, ĉio estas vidata; ja sendube mi ne sola tie ĉi kuŝas. Ili pafadis tiel ofte. Oni devas turni la kapon kaj ekrigardi. Nun estas pli oportune tion ĉi fari, ĉar ankoraŭ tiam, kiam mi, konsciiĝinte, vidis la herbereton kaj la formikon, rampantan la kapon malsupren, — mi, provante min levi, falis ne en antaŭan situacion, sed min turnis sur la dorson. Jen kial estas vidataj al mi tiuj ĉi steloj.

Mi min levetas kaj sidiĝas. Tio ĉi estas tre malfacile, kiam ambaŭ piedoj estas trabatitaj. Kelke da fojoj mi devis malesperi; fine, kun larmoj en la okuloj, elirintaj de l' doloro, mi sidiĝas.

Super mi — la peceto de l' nigra-blua ĉielo, en kiu brulas unu granda stelo kaj kelke da malgrandaj, kaj ĉirkaŭe — io malluma, alta; tio estis la arbaretoj. Mi estas en arbetaĵo; oni ne trovis min!

Mi sentas, kiel moviĝas la radikoj de l' haroj sur mia kapo.

Tamen, kiel ĝi okazis, ke mi ekaperis en la arbetaĵo, se ili min pafis sur la kampeto? Kredeble mi, jam vundita, transrampis tien ĉi, senkonscia de doloro. Strange nur estas, ke nun mi ne povas eĉ ekmoviĝi, kaj tiam prosperis al mi min altreni ĝis tiuj ĉi arbetoj. Sed, povis esti, mi havis tiam nur unu vundon, kaj la dua kuglo ekkaptis min nur tie ĉi.

Palaj, blank-rozaj makuloj ekiradis ĉirkaŭ mi. La granda stelo ekpaliĝis, kelke de la malgrandaj — malaperis. Tio ĉi sin levas la luno. Kiel bone estas nun hejme!...

Iaj strangaj sonoj atingas min.... Kvazaŭ iu ĝemas. Jes, — ĝi estas ĝemo. Ĉu kuŝas apud mi iu, tiel same forgesita, kun disbatitaj piedoj aŭ kun kuglo en la ventro? Ne, la ĝemoj estas tiel proksime, — sed apud mi, ŝajne, neniu estas.... Dio mia, — tio ĉi estas ja mi mem! Mallaŭtaj, plendaj ĝemoj; ĉu estas al mi efektive tiel dolore? — Kredeble. Sed mi nur ne komprenas tiun ĉi doloron, ĉar ĉe mi en la kapo estas ia nebulo, plumbo. Pli bone estas denove kuŝi kaj ekdormi, dormi, dormi.... Sed ĉu mi vekiĝos iam? — Tio estas tute egale.

En la momento, kiam mi intencas kuŝiĝi, — larĝa pala strio de l' luna lumo klare lumigas la lokon, kie mi min trovas, kaj mi vidas ion malluman kaj grandan, kuŝantan en ĉirkaŭ kvin paŝoj de mi. Sur ĝi estas vidataj la rebriloj de l' luna lumo; tio ĉi estas la butonoj kaj la uniformo. Ĝi estas aŭ malvivulo, aŭ vundita.

Tute egale, — mi kuŝiĝos. . . .

Ne, ne povas esti! La niaj ne foriris. Ili estas tie ĉi, ili elbatis la turkojn kaj restis sur tiu ĉi pozicio. Kial do estas nek parolado, nek krakado de lignaroj? Ha! mi ja de malforteco nenion aŭdas. Ili estas sendube tie ĉi.

„Helpu! Helpu!“

Sovaĝaj, raŭkaj, frenezaj ĝemoj elŝiriĝas el mia brusto kaj estas por ili nenia respondo. Laŭte ili dissonas en la nokta aero. Ĉio cetera silentas. Nur la griloj krakas kiel antaŭe malkviete. La luno plendeme rigardas min per sia ronda vizaĝo.

Se *li* estus la vundita, li konsciiĝus de tiela krio. Tio ĉi estas malvivulo. Ĉu nia, aŭ turko? Ha, Dio mia! ĉu ne estas tute egale? Kaj dormo malleviĝas sur miajn brulumitajn okulojn.

---

Mi kuŝas kun okuloj fermitaj, kvankam mi jam longe maldormiĝis. Mi ne deziras malkovri la okulojn, ĉar mi sentas tra la fermitaj palpebroj la sunan lumon: se mi malkovros la okulojn, — ĝi ilin tranĉados. Sed ankaŭ pli bone estas ne moviĝi. Hieraŭ (ŝajnas, ke tio estis hieraŭ) oni min vundis; pasis jam dudek kvar horoj, pasos ankoraŭ tiom, — mi mortos. Tute egale. Pli bone estas ne moviĝi. Estu la korpo senmova. Kiel bone estus haltigi ankaŭ la laboron de l' cerbo; sed ĝi estas retenebla per nenio. La pensoj, la rememoroj sin puŝadas en la kapo. Dume, ĉio tio ĉi estas nur por nelonge, — baldaŭ venos la fino. Nur en la gazetoj restos kelke da linioj, ke, jen, niaj perdoj estas negravaj: estas vunditaj — jen tiom; mortigita estas simpla soldato el memvoluloj, Ivanov. Ne, eĉ la familia nomo ne estos skribita; oni diros nur: estas mortigita unu. Unu simpla soldato,

simile al tiu unu hundeto. . . . La plena pentraĵo ekflamas en mia imago. Ĝi estis antaŭ longe; cetere ĉio, la tuta mia vivo, *tiu* vivo, kiam mi ankoraŭ ne kuŝis tie ĉi kun trabatitaj piedoj, estis tiel antaŭlonge. . . . Mi iris tra la strato; negranda popolamaso min haltigis. La popolamaso staris kaj rigardis ion blanketan, sangigitan, plende pepantan. Tio ĉi estis malgranda, bela hundeto; la vagono de ĉevalfervojo ĝin traveturis. Ĝi mortadis jen tiel, kiel mi nun. Ia kortisto dispuŝis la amason, prenis la hundeton je l' kolo kaj forportis. La amaso disiris.

Ĉu forportos iu ankaŭ min? Ne, kuŝu kaj mortadu. Kaj kiel bela estas la vivo. . . . En tiu tago (kiam okazis la malfeliĉo kun la hundeto) mi estis feliĉa. Mi iris en kvazaŭ malsobriĝo, kaj por tio estis kaŭzo. Ho! rememoroj, ne turmentu min! Estinta feliĉo — estas efektivaj turmentoj. . . . Jam restu nur solaj turmentoj, sed ne turmentu min la rememoroj, kiuj nevole devigas komparadi. Ha, sopiro, sopiro! Vi estas pli malbona ol vundoj.

Tamen, fariĝas varmege. La suno bruligas. Mi malkovras la okulojn kaj vidas tiujn samajn arbetojn, tiun saman ĉielon, sed nur ĉe l' taga lumo. Kaj jen estas mia najbaro. Jes, tio ĉi estas turko, malvivulo. Kia grandega li estas. Mi ekkonas lin: ĝi estas tiu sama. . . .

Antaŭ mi kuŝas la mortigita de mi homo. Pro kio mi lin mortigis?

Li kuŝas tie ĉi senviva, sangigita. Por kio la sorto lin alpelis tien ĉi? Kiu li estas? Eble li, kiel mi, ankaŭ havas maljunan patrinon. Longe ŝi sidados en vesperoj apud la pordoj de sia malriĉa argildometo, kaj rigardados la malproksiman nordon, — ĉu ne venas ŝia kore amata filo, ŝia laboristo kaj nutristo. Kaj mi? — mi ankaŭ. . . . Mi eĉ ŝanĝiĝus kun li. Kiel li estas feliĉa: li aŭdas nenion, sentas nek doloron de l' vundoj, nek mortan sopiron, nek soifon. . . . La bajoneto eniris al li rekte en la koron. . . . Jen sur l' uniformo estas granda, nigra truo; ĉirkaŭ ĝi — la sango. *Tion ĉi faris — mi.*

Mi ĝin ne volis. Mi volis malbonon al neniu, kiam mi iris batali. La penso, ke mi ankaŭ devas mortigadi la homojn, ial foriradis de mi. Mi nur prezentadis al mi, kiel mi submetados *mian* bruston sub la kuglojn. Kaj mi ekiris kaj submetis.

Nu, kaj kio do okazis? Malsaĝa, malsaĝa! Kaj tiu ĉi malfeliĉa felaĥo (li havas egiptan uniformon) — li estas kulpa ankoraŭ malpli. Antaŭ ol oni ilin sidigis, simile al haringoj en la barelo, sur la vaporŝipon kaj veturigis Konstantinopolon, li eĉ ne aŭdis pri Rusujo, nek pri Bulgarujo. Oni ordonis al li iri, kaj li iris. Se li ne irus, oni lin batus per bastonoj, aŭ, eble, ia „paŝa" ensidigus en lin la kuglon el revolvero. Li iris longan, malfacilan militiron de Stambulo ĝis Ruŝĉuko. Ni ekatakis, li sin defendis. Sed vidante, ke ni, timigaj homoj, ne timantaj lian patentitan ŝraŭbopafilon de Pibodi kaj Martini, ĉiam rampas kaj rampas antaŭen, li enfalis en teruron. Kiam li volis foriri, — ia malgrandeta homo, kiun li povus mortigi per unu ekbato de sia nigra pugno, alsaltis kaj enŝovis al li la bajoneton en la koron.

Per kio do li estas kulpa?

Kaj per kio estas kulpa mi, kvankam tamen mi lin mortigis? Per kio? pro kio min turmentas la soifo? Soifo! Kiu scias, kion signifas tiu ĉi vorto! Eĉ tiam, kiam mi iris tra Rumanujo, farante en teruraj, kvardekgradaj varmegoj transirojn po kvindek verstoj,*) tiam mi ne sentis tion, kion mi sentas nun. Ha, se iu venus!

Dio mia! li ja sendube havas en tiu ĉi grandega platbotelo akvon! Sed oni devas veni ĝis li. Kiom tio ĉi kostos. Tute egale, mi ĝisrampos.

Mi rampas. La piedoj treniĝas, la malfortiĝintaj manoj apenaŭ movas la senmovan korpon. Ĝis la malvivulo estas ĉirkaŭ du klaftoj, sed por mi tio ĉi estas pli multe, — ne, ne pli multe, sed pli malbone ol dekoj da verstoj. Tamen oni devas rampi. La gorĝo flamas, brulas kiel de fajro. Kaj krom tio oni povas morti sen akvo pli baldaŭ. Tamen, povas esti. . . .

---

*) Versto = pli-malpli kilometro.

Kaj mi rampas. La piedoj kroĉadas la teron, kaj ĉiu movo elvokas neelporteblan doloron. Mi krias, krias kun ĝemoj, sed tamen rampas. Fine, jen li estas. Jen la platbotelo . . . en ĝi estas akvo kaj kiel multe! ŝajne — pli ol duon-platbotelo. Ho! akvo ne mankos al mi por longe . . . ĝis la morto!

Vi savas min, mia ofero. Mi komencis deligi la platbotelon, min apoginte per unu kubuto, kaj subite, perdinte la egalpezon, mi ekfalis je l' vizaĝo sur la bruston de mia savinto. De li jam estis sentata forta malvivula odoro.

---

Mi ektrinkis. La akvo estis varma, sed ne malboniĝinta, kaj, al tio, de ĝi estis multe. Mi travivos ankoraŭ kelke da tagoj. Mi memoras, en la „Fiziologio de ĉiutaga vivo“ estis dirita, ke sen nutraĵo la homo povas vivi pli ol unu semajno, se li nur havos akvon. Jes, tie estis ankoraŭ rakontita la historio de unu memmortiginto, kiu sin mortigis per la malsato, li vivis tre longe, ĉar li trinkadis.

Nu, kaj kio do? Se mi travivos ankoraŭ kvin-ses tagojn, kio el tio ĉi estos? La niaj foriris, la bulgaroj diskuris. Proksime estas nenia vojo. Tute egale oni devas morti. Nur anstataŭ tritaga agonio mi faros al mi semajnan. Ĉu ne estos pli bone fini? Apud mia najbaro kuŝas lia pafilo, bonega angla produktaĵo. Sufiĉe estas nur eltiri la manon; poste — unu momenton kaj — la fino. La kartoĉoj senorde kuŝas ankaŭ tie ĉi, amase. Li ne havis la tempon ellasi ĉiujn.

Nu, ĉu fini aŭ atendi? Kion? La liberigon? La morton? Atendi, ĝis venos la turkoj kaj komencos forŝiri la felon de miaj vunditaj piedoj? Jam pli bone estas propramane. . . .

Ne, oni ne devas perdi humoron; mi batalos ĝis la fino, ĝis la lastaj fortoj. Ja se oni min trovos, mi estas savita. Povas esti, ke la ostoj estas ne difektitaj; oni min elsanigos. Mi ekvidos la hejmon, la patrinon, Manjon. . . .

Dio, ne lasu ilin ekscii la tutan veron! Ili pensu, ke mi estas mortigita momente. Kio estos kun ili, kiam ili ekscios, ke mi turmentiĝis du, tri, kvar tagojn!

La kapo turniĝas; mia vojaĝo al la najbaro min tute elturmentis. Kaj krom tio ankoraŭ tiu ĉi terura odoro! Kiel li nigriĝis. . . . Kio fariĝos kun li morgaŭ aŭ postmorgaŭ? Kaj nun mi kuŝas tie ĉi nur tial, ke mi ne havas la fortojn por min fortreni. Mi ripozos kaj rampos sur la antaŭan lokon; bonokaze la vento blovas de tie kaj forportas de mi la malbonodoron.

Mi kuŝas en plena malfortiĝo. La suno bruligas al mi la vizaĝon kaj la manojn. Mi havas nenion, por min kovri. Se la nokto venus pli baldaŭ! ĝi estos, ŝajne, la dua.

La pensoj malordiĝas kaj mi min forgesas.

---

Mi dormis longe, ĉar kiam mi vekiĝis, estis jam nokto. Ĉio — kiel antaŭe: la vundoj doloras, la najbaro kuŝas tiel same grandega kaj senmova.

Mi ne povas ne pensi pri li. Ĉu vere estas, ke mi ĵetis ĉion amindan, karan, iris tien ĉi la milverstan militiron, malsatadis, sentadis la malvarmon, turmentiĝis de varmego; ĉu vere estas, fine, ke mi kuŝas tie ĉi en tiuj ĉi turmentoj nur por tio, ke tiu ĉi malfeliĉulo ĉesu vivi? Kaj tamen, ĉu mi faris ion utilan por la militaj celoj, krom tiu ĉi mortigo?

Mortigo, mortigisto. . . . Kaj kiu do? — Mi!

Kiam mi decidis iri batali, la patrino kaj Manjo ne dekonsiladis min, kvankam ili ploris pro mi. Blindigita de la ideo, mi ne vidis tiujn ĉi larmojn. Mi ne komprenis (nun mi komprenis), kion mi faras al la proksimaj al mi ekzistaĵoj.

Sed ĉu rememori? La pasinta ne estas revenebla.

Kaj kian strangan rilaton aperigis al mia ago multaj miaj konatoj. „Nu, freneza! li rampas, mem ne sciante, pro kio!“ Kiel povis ili tion ĉi diri? Kiel ligi tiajn vortojn kun *iliaj* ideoj pri la heroeco, amo al la patrujo kaj ceteraj tiaj objektoj? Ja en *iliaj* okuloj mi prezentadis ĉiujn tiujn ĉi altajn ecojn. Kaj malgraŭ tio — mi estas — „freneza“!

Kaj jen mi veturas Kiŝinevon; sur min oni ŝarĝas tornistron kaj ĉiajn militajn apartenaĵojn, kaj mi iras kune kun la miloj, inter kiuj sin trovas eble nur kelkaj homoj, irantaj simile al mi, volonte. La ceteraj restus hejme, se oni

permesus al ili tion ĉi. Tamen ili iras tiel same, kiel ni, „konsciaj“, trairadas milojn da verstoj kaj bataladas tiel same kiel ni, aŭ eĉ pli bone. Ili plenumas siajn devojn, malgraŭ tio, ke ili tuj ilin ĵetus kaj forirus, se nur oni ĝin permesus.

Ekblovis tranĉa matena venteto. La arbetoj ekmoviĝis, la duondorma birdeto ekflirtis. La steloj mallumiĝis. La mallume blua ĉielo griziĝis, sin kovris per delikataj plumformaj nubetoj; griza duonmallumo sin levadis de la tero. Venadis la tria tago de mia.... Kiel ĝin nomi? La vivo? La agonio?

La tria.... Kiom da ili ankoraŭ restis? En ĉia okazo jam nemulte. Mi tre malfortiĝis kaj, ŝajne, eĉ ne povos min demovi de la malvivulo. Baldaŭ mi egaliĝos kun li kaj ni ne estos malagrablaj unu por alia.

Oni devas trinki. Mi trinkos tri fojojn en la tago: matene, tagmeze kaj vespere.

---

La suno leviĝis; ĝia grandega disko, tuta transstrekita kaj dividita per la nigraj branĉoj de la arbetoj, estas ruĝa, simile al sango. Hodiaŭ estos, ŝajne varmege. Mia najbaro — kio fariĝos kun vi? Vi jam nun estas terura.

Jes, li estis terura. Liaj haroj komencis elfaladi. La haŭto, nigra de la naturo, paliĝis kaj flaviĝis; la disblovita vizaĝo ĝin ekstreĉis ĝis tia grado, ke ĝi krevis post la orelo. Tie sin movetis vermoj. La piedoj, ĉirkaŭtiritaj en la gamaŝoj, disbloviĝis, kaj inter la hoketoj de la gamaŝoj elrampis grandegaj vezikoj. Kaj li tuta disbloviĝis, kiel monto. Kion faris kun li la suno hodiaŭ?

Kuŝi tiel proksime de li estas neelporteble. Mi devas forrampi, kiom-ajn tio al mi kostu. Sed ĉu mi povos? Mi povas ankoraŭ levi la manon, malfermi la platbotelon, ektrinki, sed transmovi mian lacan, senmovan korpon? Tamen mi min movados, kvankam po nemulte, kvankam po duonpaŝo en horo.

La tuta mateno pasas ĉe mi en tiu ĉi transmoviĝado. La doloro estas forta, — sed kion ĝi signifas nun por mi? Mi jam ne memoras, ne povas prezenti al mi la sentojn de

homo sana. Mi eĉ kvazaŭ kutimis al la doloro. En tiu ĉi mateno mi forrampis tamen ĉirkaŭ du klaftoj kaj ekaperis sur la antaŭa loko. Sed mi ne longe uzadis la freŝan aeron, se povas esti freŝa aero en ses paŝoj de putranta malvivulo. La vento ŝanĝiĝas kaj denove surportas sur min la malbonodoron fortan ĝis tia grado, ke ĝi min naŭzas. La malplena stomako turmente kaj konvulsie kuntiriĝas; ĉiuj internaĵoj transturniĝas. Kaj la malbonodora, infektita aero ĉiam naĝas sur min. (*)

Mi enfalas en malesperon kaj ploras . . .

---

Tute disbatita, kvazaŭ trinkigita per daturo, mi kuŝis preskaŭ en senkonscieco. Sed jen . . . ĉu tio ne estas trompo de la disordigita imago? Ŝajnas al mi, ke . . . ne. Jes, tio ĉi estas parolado. Piedofrapado de ĉevaloj, homa parolado. Mi apenaŭ ne ekkriis, sed mi min detenis. Kaj kio, se tio ĉi estas turkoj? Kion tiam fari? Al tiuj ĉi turmentoj aliĝos ankoraŭ aliaj, pli teruraj, de kiuj la haroj stariĝas supren, eĉ kiam oni pri ili nur legas en la gazetoj. Oni deŝiros la haŭton, subrostos la vunditajn piedojn . . . Kaj bone, se estos nur tio ĉi; sed ili ja estas elpensemaj. Ĉu vere, ke pli bone estas fini la vivon en iliaj manoj, ol morti tie ĉi? Kaj se tio ĉi estas — la niaj? Ho, malbenitaj arbetoj! por kio vi elkreskis ĉirkaŭ mi kiel densa barilo? Nenion mi vidas tra ili; nur en unu loko kvazaŭ fenestro inter la branĉoj malkovras al mi la vidon en la malproksimaĵon, en la malaltan valon. Tie, ŝajne, estas la rivereto, el kiu ni trinkis antaŭ la batalo. Jes, jen estas la grandega sablaŝtona plato, metita super la rivereto simile al ponto. Ili kredeble veturos tra ĝi. La parolo silentiĝas. Mi ne povas bone aŭdi la lingvon, en kiu ili parolas: ĉe mi eĉ la aŭdo malfortiĝis. Dio! se tio estas la niaj. . . . Mi ekkrios al ili; ili ekaŭdos min eĉ de la rivereto. Tio ĉi estas pli bone, ol riski enfali en la manegojn de la baŝibuzukoj. Kial ili tiel longe ne venas? La malpacienco konsumas min; mi ne rimarkas eĉ la odoron de l' malvivulo, kvankam ĝi neniom malfortiĝis.

(*) ... Ĉiam odoras bone la korpo ...

Kaj jen subite sur la trairo trans la rivereto montriĝas kozakoj! La bluaj uniformoj, ruĝaj lampasoj, pikoj (ponardegoj). Duoncento da kozakoj. Antaŭ ili, sur bonega ĉevalo, rajdas nigrabarba oficiro. Apenaŭ ĵus la duoncento transveturis la rivereton, li sin turnis per la tuta korpo en la selo posten kaj ekkriis:

„Per tro-to, ma-arŝ!"

— „Haltu, haltu, pro Dio! Helpu, helpu, fratetoj!" krias mi; sed la piedofrapado de fortaj ĉevaloj, la frapado de glavoj kaj la brua kozaka parolado estas pli laŭta ol mia raŭko — kaj ili ne aŭdas min!

Ho, malbeno! Mi falas en malfortiĝo je l' vizaĝo al tero kaj komencas ĝemegi. El la renversita de mi platbotelo fluas la akvo — mia vivo, mia savo, mia prokrasto de morto. Sed mi rimarkas tion ĉi jam tiam, kiam de la akvo restis ne pli ol duonglaso, kaj la resta foriris en la sekan teron.

Ĉu mi povas ekmemori tiun rigidiĝon, kiu atakis min post tiu ĉi terura okazo? Mi kuŝis senmova, kun la okuloj duonfermitaj. La vento ĉiam ŝanĝadis la direkton kaj jen blovadis sur min la freŝan kaj puran aeron, jen denove ĉirkaŭkovradis min per malbonodorego. La najbaro fariĝis en tiu ĉi tago nepriskribeble timiga. Unu fojon, kiam mi malkovris la okulojn, por ekrigardi lin, mi teruriĝis. Vizaĝon li jam ne havis. Ĝi forrampis de la ostoj. Terura', osta rideto, eterna rideto, ekŝajnis al mi tiel abomena, tiel terura, kiel neniam, kvankam al mi okazis ne unu fojon teni kranion en la manoj kaj preparadi tutajn kapojn. Tiu ĉi skeleto en l' uniformo kun lumaj butonoj tremigis min. „Ĝi estas — la milito, ekpensis mi. Jen estas ĝia figuraĵo."

Kaj la suno bruligas kaj bakas, kiel antaŭe. La manoj kaj la vizaĝo ĉe mi estas jam longe brulvunditaj. La restintan akvon mi eltrinkis la tutan. La soifo turmentas min tiel forte, ke, decidinte eltrinki nur malgrandan gluton, mi englutis ĉion. Ha, kial mi ne ekkriis al la kozakoj, kiam ili estis tiel proksime de mi. Se eĉ tio estus turkoj, — estus tamen pli bone. Eble ili turmentus min unu aŭ du horojn, — kaj nun mi eĉ ne scias ankoraŭ, kiom da tempo mi devos

tie ĉi kuŝi kaj suferi. Patrino mia, mia kara! Vi elŝiros viajn grizajn harligojn, vi vin batos je l' kapo en la muron, vi malbenos tiun tagon, kiam vi min naskis, — vi malbenos la tutan mondon, kiu elpensis pro la suferado de homoj la militon!

Sed vi kun Manjo kredeble eĉ ne ekaŭdos pri miaj turmentoj. Adiaŭ patrino, adiaŭ mia fianĉino, mia amo! Ho, kiel ŝarĝe maldolĉe! Sub la koron io eniras....

Denove tiu ĉi blanka hundeto! La kortisto ne ekkompatis ĝin kaj ekfrapis ĝin je l' kapo en la muron kaj ĵetis en la kavon, kien oni ĵetadas la balaaĵon kaj verŝadas la kotan akvon.

Sed ĝi estis viva kaj turmentiĝis ankoraŭ la tutan tagon. Kaj mi estas pli malfeliĉa ol ĝi, ĉar mi turmentiĝas plenajn tri tagojn. Morgaŭ — la kvara, poste la kvina, sesa.... Morto, kie vi estas? Venu, venu! Prenu min!

Sed la morto ne venas kaj ne prenas min. Kaj mi kuŝas sub tiu ĉi terura suno, kaj mi ne havas gluton da akvo, por freŝigi la brulumitan gorĝon, kaj la malvivulo infektas min. Li tute disnaĝiĝis. Miriadoj da vermoj faladas el li. Kiel ili amase moviĝas. Kiam li estos formanĝegita kaj de li restos nur solaj ostoj kaj la uniformo, tiam — mia vico Mi ankaŭ estos tia sama.

Pasis la tago, pasis la nokto. Tute kiel antaŭe. Venas mateno. Tute — kiel antaŭe. Pasis ankoraŭ unu tago....

La arbetoj ŝanceliĝas, bruas, kvazaŭ mallaŭte paroladas. „Jen vi mortos, mortos, mortos, — diretas ili. Ne vidas, ne vidas, ne vidas!“ respondas la arbetoj de la alia flanko.

— Ankaŭ tie ĉi oni ilin ne vidas! laŭte sonas apud mi.

Mi ektremas kaj tuj konsciiĝas. El la arbetoj rigardas min la bonaj, bluaj okuloj de Jakovlev, nia efrejtoro.*)

— La fosilojn! krias li. Tie ĉi estas ankoraŭ du: nia kaj ilia!

---

*) Milita rango. Ĝi sin trovas inter la rango de simpla soldato kaj suboficiro.

— Oni ne bezonas la fosilojn, ne enfosu min, mi estas viva! volas mi ekkrii, sed nur malforta ĝemo eliras el la sekiĝintaj lipoj.

— Dio! Ĉu vere, ke li estas ankoraŭ viva? Sinjoro Ivanov! fratoj! venu tien ĉi, nia sinjoro estas viva! Kaj voku la doktoron!

---

Post duonminuto oni verŝas al mi en la buŝon akvon, brandon kaj ankoraŭ ion. Poste ĉio malaperas.

Egalmezure ŝanceliĝante, moviĝas la portiloj. Tiu ĉi mezura movado min enlulas. Mi jen vekiĝas, jen denove forgesiĝas. La bandaĝitaj vundoj ne doloras; ia neesprimeble konsolagrabla sento estas disverŝita en la tuta korpo. . . .

— „Ha-a-alt'! Mal-le-vu! La sanitaroj, kvara deŝanĝo — marŝ! Al portiloj! Prenu, le-evu!“

Tio ĉi komandas Pjotr Ivanoviĉ, nia malsanuleja oficiro, alta, malgrasa kaj tre bonkora homo. Li estas tiel alta, ke turninte la okulojn en lian flankon, mi ĉiam vidas lian kapon kun maldensa barbo kaj la ŝultrojn, kvankam la portilojn portas sur la ŝultroj kvar altkreskaj soldatoj.

— Pjotr Ivanoviĉ! diretas mi.

— Kion, kolombeto?

Pjotr Ivanoviĉ sin klinas super mi.

— Pjotr Ivanoviĉ, kion diris al Vi la doktoro? Ĉu baldaŭ mi mortos?

— Kion Vi diras, Ivanov, — lasu! Vi ne mortos. Ja ĉe Vi ĉiuj ostoj estas sendifektaj. He, kia feliĉulo! Nek ostojn, nek arterion. Kaj kiel Vi elvivis tiujn ĉi tri kun duono tagojn? Kion vi manĝis?

— Nenion.

— Kaj trinkis?

— De la turko mi prenis la platbotelon. Pjotr Ivanoviĉ, mi ne povas nun diri. Poste.

— Nu, Dio estu kun Vi, kolombeto, dormu.

Denove la dormo, la forgesiĝo. . . .

Mi konsciiĝis en la divizia lazareto. Super mi staras la doktoroj, la kompataj fratinoj, kaj krom ili mi vidas

ankoraŭ la nekonatan al mi vizaĝon de glora Peterburga profesoro, alkliniĝinta super miaj piedoj. Liaj manoj estas kovritaj je sango. Li klopodas ĉe miaj piedoj nelonge kaj sin turnas al mi:

— Nu, feliĉa estas Via Dio,*) juna homo! Unu piedeton ni deprenis de Vi; nu, ja tio ĉi estas bagatelo! Ĉu Vi povas paroli?

Mi povas paroli kaj rakontas al ili ĉion, kio tie ĉi estas skribita.

---

*) Aparta turno de parolo; »feliĉa estas Via Dio« — signifas: — »Vi estas feliĉa.«



# Attalea princeps.

En unu granda urbo estis botanika ĝardeno, kaj en tiu ĉi ĝardeno — grandega oranĝerio, konstruita el fero kaj vitro. Ĝi estis tre bela: graciaj, volvitaj kolonoj subtenis la tutan konstruaĵon; sur tiuj ĉi kolonoj estis apogitaj facilaj, pentrumaj arkoj, unuigitaj inter si per tuta araneareto de feraj kadroj, en kiuj estis enmetitaj la vitroj. Sed precipe bela estis la oranĝerio, kiam la suno malsupriĝis kaj superlumis ĝin per la ruĝa lumo; tiam ĝi ŝajnis tuta brulanta; la ruĝaj rebrilaĵoj ludis kaj transverŝiĝis kiel en unu grandega multefaceta multekosta ŝtono. Tra la dikaj travideblaj vitroj estis vidataj la kreskaĵoj, kiuj estis en la oranĝerio malliberigitaj. Malgraŭ la grandeco de la oranĝerio, estis al ili en ĝi malvaste. La radikoj transplektiĝis inter si kaj deprenis unu de alia la malsekaĵon kaj la nutraĵon. La branĉoj de la arboj sin miksis kun la grandegaj folioj de la palmoj, fleksis kaj rompis ilin, kaj kuŝiĝante mem sur la ferajn kadrojn, sin fleksis kaj sin rompis. La ĝardenistoj fortranĉadis ĉiam la branĉojn, subligadis per metalfadenoj la foliojn, por ke ili ne povu kreski tien, kien ili volas, — sed tio ĉi helpis malmulte. La kreskaĵoj bezonis larĝan vaston, patrujan landon kaj liberon. Ili estis naskitoj de varmaj landoj, — delikataj, luksaj kreitaĵoj; ili memoris sian naskolandon kaj enuis sen ĝi. Kiel ajn travidebla estas la vitra tegmento, sed ĝi ne estas la klara ĉielo. Iafoje, en la vintro, la vitroj frostiĝadis; tiam en la oranĝerio fariĝadis plene mallume. Fajfis la vento, frapis en la kadrojn kaj tremigis ilin. La tegmento sin kovradis per la surbalaita neĝo. La kreskaĵoj staris kaj aŭskultis la bruon de la vento, kaj memoradis alian venton, varman, malsekan, donintan al ili la

vivon kaj la sanon. Kaj ili deziris al si eksenti denove ĝian blovadeton, ili volis, ke ĝi balancadu iliajn branĉojn, ludu per iliaj folioj. Sed en la oranĝerio la aero estis senmova: kaj nur iafoje la vintra ventego forrompis unu vitron, kaj tranĉanta, malvarma fluero, plena de frosta malsekaĵo, enflugis sub l' arkaĵon. Kien trafis tiu ĉi fluero, tie la folioj paliĝis, sulkiĝis kaj velkis. Sed la vitroj estis enstarigitaj tre baldaŭ. La botanikan ĝardenon regis tre bona, instruita direktoro kaj allasis nenian malordon, malgraŭ ke la pli grandan parton de sia tempo li uzis por la okupo kun la mikroskopo en aparta vitra dometo, aranĝita en la ĉefa oranĝerio. Estis inter la kreskaĵoj unu palmo, pli granda, kaj pli bela ol ĉiuj aliaj. La direktoro, kiu sidis en la dometo, nomis ĝin en latino „Attalea“. Sed tiu ĉi nomo ne estis ĝia patruja nomo: ĝin elpensis la botanikisto. La patrujan nomon la botanikistoj ne sciis, kaj ĝi ne estis surskribita per fulgo sur la blanka tabuleto, albatita al la trunko de la palmo. Unu fojon venis en tiun ĉi botanikan ĝardenon unu homo, elveturinta el tiu varma lando, kie ekkreskis la palmo; kiam li ĝin ekvidis, li ekridetis, ĉar ĝi memorigis al li pri lia naskolando. „Ho!“ diris li: „mi konas tiun ĉi arbon“. Kaj li nomis ĝin per ĝia patruja nomo. „Pardonu“, ekkriis al li el sia dometo la direktoro, kiu distranĉis en tiu ĉi tempo atente per la razilo unu malgrandan trunketon: „vi eraras. Tia arbo, kiun vi nomis — ne ekzistas. Tio ĉi estas „Attalea princeps“, naskita en Brazilujo.“

„Ho, jes“ diris la brazilujano: „mi kredas al vi, ke la botanikistoj nomas ĝin „Attalea“; sed ĝi havas ankaŭ patrujan, veran nomon.“ „Vera nomo estas tiu, kiu estas donata de la scienco“, diris seke la botanikisto, kaj fermis la pordon de sia dometo, por ke al li ne malhelpu la homoj, kiuj ne komprenas eĉ tion, ke se jam diris ion homo de la scienco, tiam oni bezonas nur silenti kaj obei.

Kaj la brazilujano staris longe kaj rigardis la arbon kaj li sin sentis tute pli kaj pli malgaja. Li ekmemoris sian naskolandon, ĝian sunon kaj ĉielon, ĝiajn luksajn arbarojn kun la mirindaj bestoj kaj birdoj, ĝiajn dezertojn, ĝiajn

ŝajn sudajn noktojn. Kaj li ekmemoris ankoraŭ, ke nenie estadis feliĉa, krom sia patruja lando, kvankam li ĉirkaŭturis la tutan mondon. Li tuŝis per mano la palmon, en tia maniero, ke ŝajnis, ke li diris al ĝi adiaŭ, kaj eliris el la ĝardeno, kaj en la sekvanta tago li veturis jam sur vaporŝipo hejmen.

Kaj la palmo restis. Nun fariĝis al ĝi ankoraŭ pli malfacile, kvankam ankaŭ ĝis tiu ĉi okazo estis al ĝi tre malfacile. Ĝi estis tute sola. Per dek metroj ĝi altiĝis super la suproj de ĉiuj aliaj kreskaĵoj, kaj tiuj ĉi aliaj kreskaĵoj ne amas ĝin, envias al ĝi kaj rigardas ĝin kiel fieran. Tiu ĉi kresko kaŭzis al ĝi nur malfeliĉon; krom tio, ke ĉiuj aliaj estis kune, kaj ĝi sola, — ĝi memoris pli bone ol ĉiuj sian patrujan ĉielon, kaj pli multe ol ĉiuj enuis pri ĝi, ĉar ĝi estis pli proksima ol ĉiuj al tio, kio ĝin anstataŭis al ili, al la glata vitra tegmento. Tra tiu ĉi lasta estis iafoje al ŝi vidata io blua: tio estis ĉielo, kvankam malpropra kaj pala, sed tamen vera, blua ĉielo. Kaj kiam la kreskaĵoj babiladis inter si, Attalea ĉiam silentis, sopiris kaj pensis nur pri tio, ke kiel estus bone stari eĉ sub tiu ĉi pala ĉielo.

„Diru, mi petas, ĉu baldaŭ oni superverŝos nin?“ demandis la saga palmo, kiu tre amis malsekaĵon. — Mi, ŝajnas, vere, sekiĝos hodiaŭ.“

„Min mirigas viaj vortoj, najbareto“, diris la dikventra kaktuso. „Ĉu estas eble, ke por vi estas malsufiĉa tiu grandega kvanto da akvo, kiun oni verŝas sur vin ĉiutage? Rigardu min! oni donas al mi tre malmulte da malsekaĵo, kaj malgraŭ tio mi estas freŝa kaj suka“.

„Ni ne kutimis esti tro ŝparemaj“, respondis la saga palmo. „Ni ne povas kreski sur tia seka kaj malbonega tero, kiel iaj kaktusoj. Ni ne kutimis vivi iele. Kaj krom tio ĉi, mi diros al vi ankoraŭ, ke oni vin ne petas fari rimarkojn“.

Dirinte tion ĉi, la saga palmo ofendiĝis kaj eksilentis.

„Kio koncernas min,“ enmiksiĝis la cinamo: „mi estas preskaŭ kontenta je mia situacio. Jen vere, ke estas tie ĉi

malgajete, sed por tio mi estas almenaŭ certa, ke neniu min senbastigos."

„Sed ja ne ĉiujn nin oni senbastigadis", diris la arbvida filiko. „Sen dubo, al multaj personoj povas ŝajni kiel paradizo eĉ tiu ĉi malliberejo post la bedaŭrinda ekzistado, kiun ili havis, kiam ili estis liberaj."

Aŭdinte tion ĉi, la cinamo, forgesinte, ke oni ĝin senbastigadis, ofendiĝis kaj komencis disputi. Kelkaj kreskaĵoj defendis ĝin, kelkaj la filikon, kaj komenciĝis varmega, komuna insultado. Se ili povus sin movi, tiam ili sen dubo ekbatalus.

„Pro kio vi malpacas?" diris Attalea. „Ĉu vi vin per tio ĉi helpos? Vi nur grandigas vian malfeliĉon per la malboneco kaj incito. Pli bone lasu viajn disputojn kaj ekpensu pri afero. Aŭskultu min, kresku pli alte kaj pli larĝe, eletendu la branĉojn, surpremu la kadrojn kaj la vitrojn; nia oranĝerio disŝutiĝos je pecoj kaj ni eliros en la liberon. Se ia unu branĉeto surpremos la vitron, tiam, kompreneble, oni ĝin fortranĉos, — sed kion oni faros kontraŭ cento da fortaj kaj kuraĝaj trunkoj. Oni bezonas nur labori pli konsente kaj la venko estos nia."

Komence neniu kontraŭrespondis al la palmo: ĉiuj silentis kaj ne sciis, kion diri. Fine la saga palmo decidis. „Ĉio tio ĉi estas malsaĝeco", ĝi anoncis.

„Malsaĝeco, malsaĝeco!" ekparolis la arboj, kaj ĉiuj samtempe komencis pruvi al Attalea, ke ĝi proponas teruran malsencon.

„Neestebla revo!" ili kriis, „malsenco! absurdo! la kadroj estas fortikaj kaj ni ilin neniam rompos, — sed eĉ se ni ilin rompus, kio el tio estos? Venos la homoj kun tranĉiloj kaj hakiloj, forhakos la branĉojn, refaros la kadrojn kaj ĉio iros kiel antaŭe, kaj la rezultato estos nur tio, ke oni fortranĉos de ni ĉiujn pecojn . . ."

„Nu, kiel vi volas!" respondis Attalea. „Nun mi scias, kion mi devas fari. Mi vin restigos en trankvilo: vivu, kiel vi volas. Murmuregu unu kontraŭ alia, disputu pri la donaĵoj

de la akvo kaj restu eterne sub la vitra kloŝo. Mi unu trovos al mi la vojon. Mi volas vidi la ĉielon, kaj la sunon ne tra tiuj ĉi kradoj kaj vitroj, — kaj mi ekvidos!“ Kaj la palmo fiere rigardis per sia verda supro la tutan arbaron de la kolegoj, disĵetitan sub ĝi. Neniu el ili kuraĝiĝis ion al ĝi diri; nur la saga palmo diris mallaŭte al sia najbarino cikado:

„Nu, ni rigardos, rigardos, kiel oni fortranĉos al vi vian grandan kapegon, por ke vi ne imagu pri vi multe, fierulino!“

Kaj kvankam la ceteraj silentis, sed ili koleris Attalean, pro ĝiaj fieraj vortoj. Nur unu malgranda herbeto ne koleris la palmon kaj ne ofendiĝis per ĝiaj paroladoj. Tio ĉi estis la plej bedaŭrinda kaj malestiminda herbeto de la kreskaĵoj de la oranĝerio: ŝvela, paleta, rampanta, kun velkaj diketaj folioj. En ĝi estis nenio rimarkinda, kaj ĝi estis uzata en la oranĝerio nur por kovri la nudan teron. Ĝi ĉirkaŭvolvis la subpiedaĵon de la granda palmo, aŭskultante ĝin, kaj ŝajnis al ĝi, ke Attalea estis prava. Ĝi ne konis la sudan naturon, sed ĝi ankaŭ amis la aeron kaj la liberecon. La oranĝerio ankaŭ por ĝi estis malliberdomo. „Se eĉ mi, malforta, velka herbeto, tiel suferas sen mia grizeta ĉielo, sen la pala suno kaj malvarma pluvo, kion do devas senti en la mallibero tiu ĉi bela kaj potenca arbo!“ Tiel ĝi pensis kaj delikate sin volvis ĉirkaŭ la palmo, karesiĝis al ĝi. „Kial mi ne estas granda arbo? Mi obeus al la konsilo. Ni kreskus kune kaj kune elirus al la libero. Tiam ĉiuj aliaj ekvidus, ke Attalea estas prava.“

Sed ĝi estas ne granda arbo, sed nur malgrandeta kaj velka herbeto. Ĝi povis nur ankoraŭ pli delikate sin ekvolvi ĉirkaŭ la trunko de Attalea kaj diri al ĝi en la orelon pri sia amo kaj pri la deziro de feliĉo en ĝia entrepreno.

„Sendube, ĉe ni ne estas tiel varme, la ĉielo ne tiel pura, la pluvoj ne tiel luksaj, kiel en via lando, sed malgraŭ tio ĉi ni havas ankaŭ ĉielon kaj sunon kaj venton. Ni ne havas tiajn luksajn kreskaĵojn, kiaj estas vi kaj viaj kolegoj, kun tiaj grandegaj folioj kaj belaj floroj, sed ankaŭ ĉe ni kreskas tre bonaj arboj: pinoj, abioj kaj betuloj. Mi estas

malgrandeta herbeto kaj neniam atingos la liberecon, sed vi ja estas tiel granda kaj forta! Via trunko estas fortika, kaj restas al vi jam ne longe kreski ĝis la vitra tegmento. Vi ĝin trabatos kaj eliros en la Dian mondon. Tiam vi rakontos al mi, ĉu tie ĉio estas tiel same bele, kiel antaŭe. Mi kontentiĝos eĉ per tio."

„Kial do, malgranda herbeto, vi ne volas eliri kune kun mi? Mia trunko estas malmola kaj fortika, tenĝu je ĝi, rampu sur min. Al mi tute ne estas malfacile vin porti."

„Ne, ne por mi tio ĉi estas! Rigardu, kia mi estas velka kaj malforta; mi ne povas levi eĉ unu mian branĉeton. Ne, mi ne estas kolego por vi. Kresku, estu feliĉa! Nur mi petas vin, kiam vi eliros en la liberon, ekmemoradu iafoje vian malgrandan amikon!"

Tiam la palmo komencis kreski. Jam antaŭe la vizitantoj miradis ĝian grandegan kreskon, sed nun ĝi fariĝadis kun ĉiu monato ĉiam pli kaj pli alta. La direktoro de la botanika ĝardeno alskribis tian rapidan kreskon al bona flego, kaj fieriĝis de la scio, kun kia li aranĝis la oranĝerion kaj kondukis sian aferon.

„Jes, rigardu do la Attalean princeps," li parolis. — Tiaj kreskaj ekzempleroj renkontiĝas malofte eĉ en Brazilujo. Ni uzis nian tutan scion, por ke la kreskaĵoj kresku en la oranĝerio tute tiel, kiel en la libero, kaj ŝajnas al mi, ke ni atingis kelkan sukceson. Post tio ĉi li batetadis kun plezura vido per sia kano la fortikan arbon, kaj la ekbatoj disetendadis sin sonore tra la oranĝerio. La folioj de la palmo ektremadis de tiuj ekbatoj. Ho, se ĝi povus ĝemi, kian krion de kolero ekaŭdus la direktoro!

„Li imagas, ke mi kreskas por lia plezuro," pensis Attalea. „Kaj bone — imagu!" Kaj ĝi kreskis, elspezante ĉiujn siajn sukojn nur por altiĝi, kaj mankigante je ili siajn radikojn kaj foliojn. Iafoje ŝajnis al ĝi, ke la interspaco ĝis la arkaĵo ne malgrandiĝas. Tiam ĝi fortigis ĉiujn siajn penojn. La kadroj ĉiam pli kaj pli proksimiĝis, kaj fine la juna folio ektuŝis la malvarman vitron kaj feron.

„Rigardu, rigardu,“ ekparoladis la kreskaĵoj: „kien ĝi ĝisrampis! Ĉu ĝi decidiĝos?“ — „Kiel ĝi terure elkreskis,“ diris la arbvida filiko.

„Kio do estas de tio, ke ĝi elkreskis! Kia malofteco! Jen, se ĝi povus disdikiĝi tiel, kiel mi“, diris la dika cikado, kun la trunko simila al barelo. „Kaj por kio ĝi leviĝis? Ĉio egale ĝi nenion faros: la kradoj estas fortaj kaj la vitroj dikaj.“

Pasis ankoraŭ unu monato. Attalea sin levadis. Fine ĝi sin alpremis firme al la kadroj, — kreski plu ne estis kien. Tiam la trunko komencis sin fleksi. Ĝia folia supro sin ekĉifis, la malvarmaj stangetoj de la kadro entranĉiĝis en la delikatajn junajn foliojn, tratranĉis kaj elmonstrigis ilin. Sed la arbo estis obstina, ne bedaŭris la foliojn, malgraŭ ĉio premis la kradojn, kaj la kradoj jam komencis cedi, kvankam ili estis konstruitaj el fortika fero.

La malgranda herbeto observis la batalon kaj mortiĝadis de agitacio.

„Diru al mi, ĉu ne estas al vi dolore? Se la kadroj estas jam tiel fortikaj, ĉu ne estos pli bone foriĝi?“ demandis ĝi la palmon.

„Dolore? Kion signifas „dolore“, kiam mi volas eliri en la liberon? Ĉu ne vi mem kuraĝigadis?“ respondis la palmo.

„Jes, mi kuraĝigadis, sed mi ne sciis, ke tio ĉi estas tiel malfacila. Mi vin bedaŭras. Vi tiel suferas.“

„Silentu, malforta kreskaĵo! Ne bedaŭru min! Mi mortos aŭ liberiĝos! Kaj en tiu ĉi minuto aŭdiĝis sonora ekbato: krevis la dika fera strio. Ekŝutiĝis kaj eksonoris la pecoj de la vitroj. Unu el ili ekbatis en la ĉapelon de la direktoro, kiu eliris el la oranĝerio.

„Kio tio ĉi estas?“ ekkriis li ektreminte, kiam li ekvidis flugantajn en la aero pecojn da vitro. Li forkuris el la oranĝerio kaj ekrigardis la tegmenton. Super la vitra arkaĵo fiere altiĝis la rektiĝinta verda krono de la palmo.

„Jen nur?“ ĝi pensis. — „Kaj tio ĉi estas ĉio, pro kio mi sopiris kaj suferis tiel longe? Kaj la atingon de tio ĉi mi kalkulis kiel la plej altan celon!“

Estis profunda aŭtuno, kiam Attalea rektigis sian supro en la trabatitan truon. Falis ofta kaj malgranda pluvo duon kun neĝo; la vento malsupre pelis la grizajn, floketajn nubojn. Ŝajnis al ĝi, ke ili ĉirkaŭbrakas ĝin.

La arboj jam nudiĝis kaj sin prezentis kiel iaj monstraj mortintoj. Nur la pinoj kaj abioj estis kovritaj per mallumverdaj kudrilvidaj folioj. Malafable rigardis la arboj la palmon. „Frostiĝos!“ ŝajne paroladis ili al ĝi. „Vi ne scias, kio estas la frosto. Vi ne scias pacienci. Pro kio vi eliris el via varma domo!“

Kaj Attalea komprenis, ke por ĝi estas ĉio finita. Ĝi rigidiĝadis. Reveni denove sub la tegmenton? Sed ĝi jam ne povis reveni. Ĝi devis stari sub la malvarma vento, senti ĝiajn ekŝirojn kaj la akran tuŝadon de la neĝeroj, rigardi malpuran ĉielon, malriĉan naturon, kotan postan korton de la botanika ĝardeno, enuan grandegan urbon, vidatan en la nebulo, kaj atendi, ĝis la homoj, tie malsupre en la varma domo, decidos, kion fari kun ĝi.

La direktoro ordonis forsegi la arbon. „Oni povus aranĝi super ĝi apartan kloŝon,“ li diris, „sed ĉu estos tio ĉi por longe? Ĝi elkreskos denove, kaj ĉion rompos. Kaj krom tio ĝi kostos tro kare. Forsegu ĝin!“

La palmon oni alligis per ŝnuregoj, por ke ĝi, falante, ne disrompu la murojn de la oranĝerio, kaj malsupre, apud la radiko mem, oni trasegis la malgrandan herbeton, kiu ĉirkaŭvolvis la trunkon de la arbo, ne deziris disiĝi de sia amiko kaj trafis ankaŭ sub la segilon. Kiam oni la palmon eltrenis el la oranĝerio, sur la supraĵo de la restinta parto de la trunko sin trovis discerbigitaj per la segilo, disŝiritaj trunketoj kaj folioj.

„Elŝiru tiun ĉi maltaŭgaĵon kaj elĵetu“, diris la direktoro. „Ĝi jam flaviĝis, kaj la segilo ĝin tre detruis. Plantu tie ĉi ion novan.“

Unu ĝardenisto per forta ekbato de fosilo elŝiris la tutan flokegon de la herbo. Li ĵetis ĝin en la korbon, elportis kaj elĵetis sur la postan korton, rekte sur la mortintan palmon, kiu kuŝis en la koto kaj estis jam duone ŝutita per la neĝo.

kajerojn, kiuj aperis *ĝis* tiu tempo, li devas tion ĉi diri en sia letero, por tiuj kajeroj li devas pagi antaŭe, tuj ĉe la mendo.

La persono, kies verko estas presata en la »Biblioteko«, ricevas senpage 100 ekzemplerojn de sia verko.

---

Komencante de Junio 1896, ĉiu abonanto de la »Biblioteko« ricevas ĉiumonate *senpage* la *Adresaron* de ĉiuj novaj esperantistoj, kiuj aliĝis en la lasta monata.

---

Por la aĉetado de diversaj verkoj de la literaturo Esperanta ekster la »Biblioteko«, ĉiu abonanto de la »Biblioteko« havas ĉe ni konstantan *krediton;* t. e.: ĉiun fojon, kiam li deziras ricevi iajn verkojn, li ne bezonas sendi al ni monon, sed povas simple mendi la verkojn per simpla poŝta karto, kaj li ilin tuj ricevos. Sian kolektiĝintan ŝuldon li povas alsendi kune kun la plej proksima pago por la »Biblioteko«.

---

Ni akceptas monon de ĉia lando laŭ ilia plena kosto; sed alilandajn *signojn de poŝto* ni akceptas nur por 3/4 de ilia nominala kosto.

---

Por la unuaj 21½ folioj de la »Biblioteko« ni ricevis (ĝis 15ᵃ Majo 1896) la pagon ankoraŭ de la sekvantaj personoj: Faria, A., Loĥvicki, L. kaj Silbernik S.

La sekvantaj personoj ĝis nun restis ŝuldaj al ni por la unuaj 21½ folioj de la »Biblioteko«, kaj ni kore petas ilin, ke ili volu alsendi al ni sian ŝuldon:

Aleksiev 1.15 rublojn, Alkalajev 2.50 r., Apsit 1.15 r., Backman 6.45 r., Bejreĥ 1.15 r., Boberg 4.30 r., Bogdanov, M. S. 7.95 r., Bogoslavski 2.30 r., Borovko, S. 2.15 r., Carvalhaes 1.15 r., Dedjulin 1.15 r., Dimer 1.15 r., Edwards 2.15 r., Ekk 1.15 r., Evstifejev 17.58 r., Fagerström 1.15 r., Fajner 1.15 r., Fedorov 1.15 r., Ferreira 2.15 r., Flekkel 2.15 r., Franz 1.15 r., Frenkel, J. 1.15 r., Frid 2.15 r., Fridjev 2.45 r., Gelburd 1.15 r., Gerculin 1.15 r., Gofflot 3.50 r., Gurjev 1.15 r., Hackeleviĉ 2.15 r., Iglicki 1.15 r., Isajev 2.15 r., Ivanov, D. 1.15 r., Jarmoĥoviĉ 1.15 r., Jefimov 1.15 r., Ĵirar de Viljar 1.15 r., Junge 1.15 r., Ĵvif 1.15 r., Kaŝina 1.15 r., Koĉergov 4.30 r., Korman 1.15 r., Korovina 1.15 r.,

Lancki 2.15 r., Landfield 1.15 r., Lejzerman 1.15 r., Leontjev 1.15 r., Lorenzon 2.15 r., Maliŝevski 1.15 r., Martakov 1.15 r., Meder 1.15 r., Miropolski 2.15 r., Mittel 2.15 r., Mlinariĉ 1.15 r., Neftalimov 2.15 r., Nejmanoviĉ 0.95 r., Norman 2 15 r., Okromĉedjelova 2.15 r., Oreŝkov 1.15 r., Pavlovski 1.15 r., Popov, H. 1.15 r., Rapeport 2.15 r., Reingold 2.15 r., Remneva 1.15 r., Rink 2.15 r., Rosenblum 1.15 r., Runstedt 2.15 r., Saar 2.15 r., Safiano 1.15 r., Safonov 1.15 r., Saĵajev 2.15 r., Ŝatunovski, G. 1.15 r., Ŝatunovski, S. 1.15 r., Sergieva 1.15 r., Simakov 1.50 r., Solodiĥin 2.20 r., Ström 2.15 r., Taurke 2.15 r., Thörn 1.15 r., Triljarv 2.15 r., Waldenberg 1.15 r., Vasiljev 2.15 r., Wasserzweig 1.15 r., Zanders 2.15 r., Zasmucki 2.15 r., Zoroastrov 3.30 r.